# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Jaro 3 N-ro 1 (8) marto de 2004

## NOVAĴO

### La unua kunveno en la preparado

Enkadre de UEA la 1-a kunveno pri ĝemelaj urboj eble okazos dum la ĉijara Pekina UK. En ĝi estos aranĝita prezento de la spertoj, jara raporto por 2003 kaj diskutoj pri la disvolviĝo de la projekto. Nuntempe kvar funkciuloj de UEA pri la projekto estas aktive preparantaj sin por la kunvenon.

### Daŭra subteno al la projekto

S-ro Trevor Steele en la pasinta oktobro decidis forlasi sian postenon: la Ĝenerala Direktoro de UEA. La estraro de UEA kun bedaŭro akceptis lian decidon kaj dankas lin pro la laboro farita por la Asocio en malfacilaj kondiĉoj kaj publikigis tion en la novembra Esperanto, 2003. Ankaŭ multaj samideanoj alte taksis lian faron al la movado dum lia deĵoro. Ni tenas oftan kontakton unu kun alia, ĉar li estas unu el la aliaj tri kunlaborantoj kaj gvindantoj de la projekto "Ĝemelaj Urboj" krom mi. Al la disvolviĝo de la projekto li dediĉas sian entuziasman atenton kaj plenan subtenon, ekz. li serioze legas ĉiun numeron de Informilo de Ĝemelaj Urboj kaj respondece poluras ilin, eĉ interpunkciajn signojn en ili. Kiel s-ro Renato Corsetti, s-ino Michela Lipari, li ĉiam kuraĝigas kaj ĉiurimede helpas min kiel fari tiun laboron kiam mi renkontas malfacilaĵon. Mi ja sentas plezuron en kunlaboro kun ili tri. Li nelonge forlasos la postenon kaj komencos sian novan vivon. Kvankam mi bedaŭris, tamen mi sentas trankvila, ĉar li vere faris tiel: doni al la posteno sesmonatan averton por sukcese trovi kaj enpostenigi taŭgan posteulon, ĉar li en sia retmesaĝo al mi diris: "mi intencas daŭre kontribui al la movado, sed alimaniere ol nun. Kaj se mi povos poste helpi en via laboro, mi volonte faros tion." Tio ĉi estas la spirito de Trevor Steele! Tio ĉi estas la vera priskribo de Trevor Steele! (Wu Guojiang)

### Eldono de nova numero de PONTOJ

Pro la diligenta laboro de s-ro Hans Fechler la 78-paĝa PONTOJ 7, loka gazeto pri la germana urbo Hildesheim kaj ĝiaj ĝemelaj urboj, finfine eldoniĝis. Krom pli ol 50 kontribuaĵoj en ok rubrikoj kaj la salutvortoj de la komisiito al la kontribuantoj de PONTO, inspirige aperis sur la reverso de la antaŭa kovrilo la salutvortoj de la ĉefurbestro kaj la ĉefa urba direktoro de Hildesheim. En tiuj vortoj ili alte taksis s-ron Hans Fechler kaj diris: "Pontojn konstrui volis la Varsovia okulkuracisto Ludoviko Lazaro Zamenhofo, kiu kreis Esperanto en la jaro 1887; Pontojn konstruis ankaŭ la urbo Hidesheim per la fondado kaj flegado de siaj partneraj internaciaj rilatoj al ses landoj." Post ĝia eldono s-ro Trevor Steele, la ĝenerala direktoro de CO de UEA, speciale skribis gratuloleteon en la germana lingvo, ke Hans Fechler montru ĝin al la urbaj instancoj. Pri la urbo Hidesheim oni detale legas en la rubriko "Urba Stilo kaj Trajto" de ĉi-numero.

### Sukceso: El la penado*

De la 19a ĝis la 25a de januaro, 2004, la 4-a Komuna Kongreso de la Aŭstralia kaj Nov-Zelanda Esperanto-Asocioj okazis en Redcliffe, kiu estas marborda urbo situata 30 kilometrojn norde de *Brisbane*, Aŭstralio. La japana ĝemelurbo de Redcliffe estas Onoda. Do, la LKK decidis inviti esperantistojn el tiu urbo, partopreni la kongreson. Sed kiel trovi tiujn? Mi sendis retmesaĝon al la Japana Esperanto-Instituto, kiu transsendis mian mesaĝon al S-ino Tomiko IKEDA. Ŝi loĝas en Yamaguchi, urbego norde de Onoda. Fine, S-ino IKEDA trovis 4 junulinojn el Onoda kiuj multe deziris viziti Redcliffe, sed ili ne parolis Esperanton. Do, S-ino IKEDA, bonkore ofertis instrui ilin, kaj do la lernado komenciĝis.

La ĉeesto de la 5 japaninoj donis al nia kongreso internacian etoson. Ni esperantistoj en Aŭstralio kaj Nov-Zelando ofte sentas sin tre izolataj de aliaj esperantistoj, do kiam alilandanoj vizitas nin, tio tre plezurigas nin.

Fakte, la temo de la kongreso estis "Esperanto por plezurigi vian vivon". Kompreneble okazis la gravaj necesaj

kunvenoj, sed en la cetero de la programo ni ĝuis diversajn plezurigajn programerojn; ekzerco-klaso de Taj Chi (ĉiumatene); klasoj kiuj uzis aktoradon por paroligi kongresanojn; klaso de kreema verkado; muziko-vespero; dramo-vespero; kvizo-vespero.

Ni donis iun vesperon al la japaninoj por iliaj prezentadoj. Unue, per komputilo kaj granda ekrano, du el la knabinoj montris al ni bildojn pri sia mezgrada lernejo; la aliaj du montris belajn vidindaĵojn de Onoda. Sed kia surprizo estis por ni kiam, post la bildoj, la du plej aĝaj knabinoj prezentis por ni dancadon - ne folklora dancado de Japanio, sed la hispanstilo de dancado, flamenko. Kun kolorplenaj kostumoj kaj ritma muziko, la junulinoj tre profesie invitis nin en la dankulturon de Hispanio.

Ĉe la fino de la kongres-semajno ni adiaŭis niajn gastojn, sed ni havas iliajn retadresojn kaj certe intencas daŭrigi la kontakton kun tiuj ĉarmaj junulinoj kaj ilia instruistino (Kay Andersen , Sekretario de la LKK, * la titolo estas donita de la redaktoro)

### Delegacio al la Pekina UK

Esperanto-delegacio el Rigo, Latvio vizitos la Pekinan UK-on. Por koncerti la delegacio preparas oficiale inviti ensemblon partopreni ĉi-vojaĝon al Ĉinio kaj koncerti en Pekino, kiu tenas amikecan kontakton kun Rigo, kaj Suzhou, kiu ĝemeliĝis kun Rigo. La ensemblo preparis specialan programon en Esperanto. Ili kantos folklorajn naciajn, latvajn popolkantojn - latve kaj Esperante. Krome la delegacio ankaŭ volas viziti la Pekinan Urbodomon (laŭ retraporto de s-ino Mara Timermane).

### La projekto en gazeto

1. Renato Corsetti menciis la agadon de la projekto "Ĝemelaj Urboj" en sia artikoleto "Gravaj Servoj de Esperanto" aprinta en n-ro 12 Esperanto, 2003.

2. Parton de N-ro 4 (7) Informilo de Ĝemelaj Urboj citis n-ro 1 Vekilo/2004, trimonata gazeto por esperantistoj en Tampere regiono, Finnlando. Krome en ĝia rubriko "Ĝemelaj Urboj" oni povis legi mesaĝojn de esperantistoj el la ĝemelaj urboj de Tempere, ekz. Miskolc (Hungario), Kijivo (Ukrainio), Tartu (Estonio), Essen (Germanio), Nijhij Novgorod (Rusio) ktp.

3. En N-ro 1 Bulteno de Tianjin-a Esperanto-Asocio, 2004, oni ĝoje legis novaĵon pri la reciproka alsendo de novjaraj gratulkartoj por 2004 inter esperantistoj de Tianjin en Ĉinio kaj ĝiaj ĝemelaj urboj en Aŭstralio, Japanio, Koreio kaj Pollando.

4. N-ro 2 Informilo de ĈEL (Ĉina Esperanto-Ligo), 2004, raportis pri Sichuan-provinca Esperanto-Asocio. La raporto menciis, ke Chengdu, ĉefurbo de la provinco, sukcese ĝemeliĝis kun la franca urbo Montpellier per Esperanto.

### La projekto en interreto

1. <urboinformiloj@yahoogroups.com> kaj<lokaj-esperanto-grupoj@yahoogroups.com> estas du listoj kiuj prezentas utilan servo-platformon por la agadojn de ĝemelaj urboj. Oni aliĝas al ili per sendo sen-enhava.

2. La hejmpaĝo http://www.chinareport.com.cn/04e/2003-4-168.htm en la TTT-ejo de El Popola Ĉinio menciis la projekton "Ĝemelaj Urboj" en sia raporto pri Zamenhof-tago okazigita de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio.

## Reagoj al la projekto "Ĝemelaj Urboj" kaj sia revueto

1. Li Sen el Ĉinio: Kara amiko Dankon por via e-mail, mi ŝatas scii ajn mesaĝojn de miaj esperantaj amikoj. Mi volas fari iom laboron por nia lingvo.

2. Josef Schiffer el Germanio: Kara sinjoro Wu Guojiang, mi tre dankas vin pro la sendado de via reta Informilo de Ĝemelaj Urboj, kiun mi legis kun granda intereso. Mi ĝojus, se ankaŭ estonte vi sendus ĝin al mi. Mi admiras vin pro

via detala laboro en tiu kampo. Mi kore reciprokas viajn bondezirojn por la nova jaro 2004.

3. Ru Bossong el Nederlando: Kara amiko Wu, Multan dankon pro via tre interesa mesaĝo, kiun mi plusendas al niaj samklubanoj kaj aliaj esp. geamikoj en la mondo. Gratulon al via laboro.

4. Razen Manandhar el Nepalo: Estimata Wu Guojiang, Saluton. Dankon pro via elsendo. Mi ankaŭ volus aktive partopreni en la fama projekto de ĝemalaj urboj.

5. Ĵenja ZVEREVA (el Ukranio), redaktorino de Kontakto: Kara amiko, Dankon pro la sendo de la reta informilo. Mi ŝatus daŭre ĝin ricevadi, estas tre interesa por mi. Se mi povas esti iel utila por vi, ne hezitu min kontakti.

6. Donald J. HARLOW el Usono: Estimata s-ano Wu: Mi dankas vin pro la sendo de la bulteno, kaj kun plezuro daŭre ricevos ĝin.

## URBA STILO KAJ TRAJTO

### Urba historio

HILDESHEIM, urbo, Germanujo, 52°09' N.L. - 9°57' O.L. Jam en la unua jarmilo grava komerca vojo devis transiri je taŭga loko la riveron *Innerste*. Setlis metiistoj, komercistoj kaj kune kun ili ariĝis tiom da homoj, ke reĝo Ludoviko la Piulo en la jaro 815 tie povis fondi la diocezon (episkopejon) Hildesheim. Fama legendo pri la t.n. 'Miljara Rozarbedo' memorigas tiun eventon. Hodiaŭ je tiu iama travadejo vivas 104.000 enloĝantoj. Tra la jarcentoj la urbanoj kreis tiom da kulture valoraj verkoj kaj monumentoj, ke UNESKO nomis du el ili "Monda Kultura Heredaĵo" (ambaŭ konstruitaj en la 11a jarcento): t.e. la romanika preĝejo de Sankta Mikaelo kaj la katedralo kun la forte kreskanta 'Miljara roz-arbedo'. Pli kaj pli la 'rozo' regas la tutan aspekton de nia urbo, kvazaŭ ghi volus transformiĝi al rozar-bedo. Sur la centra urba placo surprizas la "plej bela trabfaka domo de la mondo" - la iama kunvenejo de la buĉista gildo. Saman mondvastan renomon tenas nia urba muzeo, kiu prezentas 5000-jaran historion de la faraonoj en la antikva Egiptujo kaj unu el la plej belaj kaj malnovaj kolektaĵoj el la prekolumba periodo de Peruo. Kvazaŭ balance Hildesheim posedas junan, dinamikan, novigeman universitaton, kiu sin profilas per fakoj kiel 'Internacia komunikado kaj tradukado, manaĝado kaj teknologio de informado' - en kooperado kun 79 partneraj altlernejaj kaj universitataj institucioj en 19 landoj - unika profilo en Germanujo. La loka ekonomio utiligas la geografie centran pozicion, proksime al gravaj akvokanala, fervojaj kaj strataj trafiklinioj. Nur 20 km norde de nia urbo troviĝas la internacie renomita Industria Foiro de la urbo Hannover. Tie - ĝuste kaj kvazau antaŭ niaj pordoj - okazis la Monda Ekspozicio 2000. --- Vi estas sciema pri nia urbo? Bonvolu trovi pliajn kaj kontentigajn por vi respondojn laŭ jenaj adresoj: www.hildesheim.de kaj www.hildesheim.com kaj hfechler@t-online.de

### Esperanto-movado

Jam dum jardekoj Esperanto trovis intereson kaj sciemon de civitanoj. Kelkaj el tiuj sciemuloj studis la lingvon ĝis tia nivelo, ke ili nun povas utiligi ĝin por interrilati precipe kun geamikoj en la partneraj urboj. Du studentoj de nia universitato diplomiĝis per Esperanto-rilataj diplomlaboraĵoj. Sed studentoj kutime forlasas sian studlokon post fino de la studado. Do, nia rondo de amikoj de Esperantoj estas malgranda, tamen regule kunvenas, partoprenas en la projekto "PONTOJ", kaj jam kelkfoje unuopuloj veturis al Universalaj Kongresoj.

### Ĝemeligitaj urboj

La urba konsilantaro de Hildesheim elektis ĝemelajn kontaktojn laŭ la principo, ke la partneraj urboj devus esti atingeblaj senprobleme por ĉiuj urbanoj, ĉar ĝemeliĝo sen viglaj intercivitanaj kontaktoj restus papereca afero. Do la brita urbo Weston-super-Mare (proksime de Bristol), la franca urbo Angouleme (ĉe la eble pli konata Cognac), la rusa urbo Gelendjik (nun la plej bela rusa urbo ĉe la Nigra Maro), la itala universitata urbo Pavia, (20 km sude de Milano) kaj la germana urbo Halle (naskiĝloko de fama G.F. Haendel) estas niaj partneroj. Kaj multe da skriblinioj bezonus la provon, priskribi la diversnivelajn interŝanĝojn nur dum unu jaro. Ĉar en ĉiuj tiuj urboj vivas parolantoj de Esperanto,

kun kiuj ekzistas multjaraj amikaj kontaktoj, mi interretigis ilin per revueto nomita "PONTOJ". La 'Pontanoj' sendas tekstojn kaj fotojn laŭ proponitaj kaj liberaj temoj. Mi kompilas la kajerojn, la urba presejo kopias kaj dissendas ilin. La sepa eldono - kun apartaj salutvortoj de nia urbestro - ĵus aperis (amplekso de 80 paĝoj DIN A4). Bazo por tiu ĉi nekutima agnosko de nia per-Esperanta laboro estas, ke mi kunlaboras en la urbaj ĝemelaj agadoj (i.a. preparinte jam 6 ekspoziciojn kun fotoj el niaj partneraj urboj kaj redaktinte urban broŝuron pri la partnerecaj rilatoj). Mi agnoskas miavice, ke Esperanto en tiu vasta urba agadkampo, en kiu partoprenas multaj asocietoj, lernejoj, korusoj k.s., povas ludi, jes, sian aparte gravan, sed tamen nur limigitan servan kaj valoran rolon. - Ne tiom viglas la kromaj rilatoj de nia urbo al la malproksima Indonezia urbo Padang (celo: interŝanĝo de administraj spertoj) kaj al la Egipta urbo El Minia (celo: helpo al konstruo de tiea muzeo). (Hans Fechler, Hildesheim)

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

### Loka kaj regiona kunlaboro inter Ĉinio kaj Svedio pere de esperanto – ĉu novaj farebloj

Pri la agado de ĝemelurboj inter Ĉinio kaj Svedio miaj proponoj estas:

(1) Ĉinio kaj Svedio jam delonge nomumis kelkajn lokojn "ĝemelurboj". Pasis jam jaroj kaj kontaktoj inter la lokaj kaj regionaj komunumoj ĉefe estis pere de la angla lingvo .

(2) Nun estas tempo por la reprezentantoj de la du landoj aŭ trovi esperantistojn aŭ lerni esperanton por efektivigi la Ĉina-Svedan kunlaboron.

(3) La grandaj kulturaj kaj historiaj diferencoj povas doni al ni reciprokajn, konstruajn spertojn en multaj kampoj.

(4) Gotenburgo en Svedio gastigis la 88an Universalan Kongreson de Esperanto ĉijare kaj Pekino en Ĉinio gastigos 89an UK venontjare. Tiu fakto povas doni al ni svedoj tempon por inspiri al esperanto-lernado/trejnado por venontjara vizito en Pekino.

(5) Por efektivigi bonajn premisojn por kunlaboro nun kaj estontece estas grave starigi kunlaboron inter lokaj kluboj/esperantistoj/grupoj .

(6) Oni povas substreki la gravecon de ĝemelurbaj aŭ ĝemelregionaj kunlaboroj en ĉiu formo por stimuli la "desubajn" agadojn kiel ekz. junularinterŝanĝoj sed ankaŭ interŝanĝoj de aliaj spertoj.

(7) La Konkreta ebleco nun estas, ke mi serĉas interesulojn en ambaŭ landoj por tiel starigi kontaktojn pli direktajn/stabilajn. (s-ino Kaisa Hansen el Sveda Esperanto-Federacio, Upplands Väsby, 15 oktobro 2003)

Kontaktu min (kak@bredband.net) se vi interesiĝus pri la supremenciitaj proponoj.

Utilaj informoj pri ĝemelurboj inter Ĉinio kaj Svedio

1. Foshan en Guangdong -provinco/ Lund (ekzistas Lund Esperantoklubo)
2. Guangdong-provinco / Region Skane (ekzistas Esperantoklubo de Malmö)
3. Heilongjiang- Provinco / Vasterbottens lans landsting (ekzistas Umea Esperantoklubo)
4. Jiangsu-provinco / Ostergotlands lans landsting ( ekzistas Norrkopings Esperantoklubo)
5. Heilongjiang- Provinco / Linkoping (ekzistas unuopaj esperantistoj)
6. Macao (Aomen) / Linkoping (ekzistas unuopaj esperantistoj )
7. Peking / Stockholm (ekzistas Esperantoklubo de Stokholmo)
8. Nan Yang en Henan-Provinco / Landstinget i Varmland (ekzistas Esperanto-Domo, Lesjöfors)
9. Shandong-provinco / Västmanland lans landsting (ekzistas Vasteras Esperantoklubo)
10. Shanghai / Goteborg (ekzistas Esperantosocieto de Gotenburgo)
11. Tangshan en Heibei- Provinco / Malmo ( ekzistas Malmo Esperantoklubo )
12.Tianjin / Jonkoping (ekzistas Jonkopings Esperantoklubo)
13 Tongling en Anhui- Provinco / Skelleftea (ekzistas unuopaj esperantistoj)
14 Yantai en Shandong-provinco / Orebro ( ekzistas unuopaj esperantistoj)
15 Yichang en Hubei-Provinco / Soderhamn (ekzistas unuopaj esperantistoj)
16 Zhejiang-provinco / Uppsala lan landsting (ekzistas Esperantoklubo de Upsalo)

Komento

La proponoj de s-ino Kaisa Hansen estas gravaj kaj signifaj por progresigi la projekton, kaj estas pensigaj. Memvaloro de Esperanto efektiviĝas pere de praktikado de ni, esperantistoj. Antaŭeniros Esperanto-movado se ni ĉiuj aktive cerbumus pri la disvolvo de nia lingvo kaj ĉiurimede praktikus tiujn ideojn aŭ proponojn, kaj ne silente atendos la t.n. sukcesajn rezultojn. Mi ne unufoje substrekis, ke tio, kion Esperanto nun bezonas estas aktuala agado pli ol multaj gvido-dokumentoj. Rilate la projekton "Ĝemelaj Urboj" ĝi rapide marŝos se plimulte da esperantistoj partoprenos en ĝi kaj inciatos kelkajn agadojn, ekz, similajn al tiu de s-ino Kaisa Hansen. Tiel ni rapidigos proksimiĝon al la celoj de la projekto (la komisiito)

## Partneraj urboj: senfina rubando de amikeco (3)

8. Privata programo

Do, ĉirkaŭ antaŭ duonjaro vi forsendis la provizoran programon, la invitojn kaj aliĝilojn. Vi informis viajn venontajn gastojn pri la nomoj, adresoj, telefonnumeroj de la gastigontoj. Nepre fiksu alventempon en la komuna renkontejo: ĉu posttagmeze aŭ vespere. Prizorgu akcepton ĉe la stacidomo. Distribuu la liston de la gastigantoj kun iliaj adresoj kaj telefonnumeroj, la definitivan programon, la urbomapon kaj la informilon pri la urbo, ties historio, pri la regiono kaj la vidindaĵoj.

Por konatiĝi, ĝui esperantan etoson kaj amikecon mi nepre rekomendas unuan komunan vespermanĝon.

Do, ekzemple, vi fiksis jenan privatan programon proksimuman.

La 1a tago: promeno tra la urbo, lunĉo, solena malfermo de la partnereca renkontiĝo en la urbodomo, vidindaĵoj, komuna vespermanĝo, kultura programo – ĉu esperanta, ĉu urba;

La 2a tago: matena ekskurso, urba akcento, aŭ koncerto, aŭ vidindaĵoj; privata vespero ĉe la gastigantoj;

La 3a tago: libera mateno butikuma (kaj alternativo), posttagmeza ekskurso aŭ vagado tra la urbo aŭ oficiala programero; komuna vespermanĝo kun kantoj, dancoj kaj kontribuoj de la gastoj. Ne trosharĝu la programon – ĉiam okazas neantaŭviditaj spontanaj programeroj ĉe tiu aŭ alia gastiganto – ĉu dancado, ĉu kantado, ĉu diskutoj, privata koncerto, subita komuna matemanĝo…

Elektu por via urbo, regiono tipajn programerojn: maron. montojn, ekskurson al proksima mino, naturprotekta teritorio. Estu ĝi boatveturo, vinprovo, muzemo, arkitekturaj belaĵoj, festivalo, lokaj artoj, meritoj…Imagu ke vi mem estas en la situacio de via gasto – imagu kion vi ŝatas sperti en eksterlando – tiam vi ĝojigos viajn gastojn.

9. Tranokto

Ĉiam privata. Se kelkaj ŝatas tendumi, ruldomi – ebligu ie sur herbejo, en ĝardeno. Se kelkaj ŝatus esti en hotelo – mendu ĝin. Esperantistoj nemalofte preferas dormi en dormosakoj: petu viajn gastojn kunporti ilin, kaj tio faciligos vian laboron. (Annsibyll Kamphausen) (daŭrigota en la venonta numero).

## SERVA PLATFORMO

1. Brazilo

D-ro Alcyr Guedes de Almeida (alcyrg@terra.com.br) el la urbo Taubate esperas, ke ĝemeliĝu inter Taubate kaj aliaj urboj en la mondo pere de Esperanto.

2. Finnlando

En la pasinta aŭtuno Nordiaj ĝemlurboj kunvenis en Tampere. La partoprenintoj venis el Trondhejm (Norvegujo), Norrköping (Svedio), Odense (Danio), Kopavogur (Islando) kaj Klaksvik (Farinsulo), kiu ne estas oficiala ĝemelurbo. Se iu scius ion pri esperantistoj en Klaksvik, infromu s-ron Veli Hamalainen (veli.hamalainen@kolumbus.fi)

---

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri La Projekto "Ĝemelaj Urboj"
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo

